# Etnismo

ISSN0930

N-ro 89 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.06.2012


## EN TIU ĈI NUMERO:








*“Lengadòc que combat e Provença que canta”*
*Langvedok'-batalant' kaj Provenco kantanta... ”*

**(el la kanto de *Patric* “Langvedok' kaj Provenco”)**



**“VIA BIOGRAFIO ESTAS EN VIAJ KANTOJ”**

Mi unuafoje aŭdis kantojn de *Patric* en la jaro 1998 dum la Nacia vespero, programero de la 83-a Universala Kongreso de UEA en Montpeliero, ĉefurbo de la sudfrancia administracia regiono Langvedoko-Rusiljono. Mi memoras impreson de ĝuo kaj admiro, ricevitajn pro tiuj sorĉe belaj kantoj. Mi ne sciis tiam, ke *Patric* estas fama Trobadoro de Okcitanio, kiel oni ofte nomas lin. Mi ne komprenis la ĝustan sencon de liaj okcitanlingvaj poemoj. Sed mi tutanime perceptis tiun ĉarmegan muzikon, kiu magie elvokadis en mi jen serenan melankolion, jen gajecon kaj nereteneblan deziron tuj ekdanci farandolon kune kun la dancgrupo sur la scenejo. Mi estis plene ravita de tiu koncerto de *Patric*.

Estis tamen aliaj opinioj pri la koncerto, unu el kiuj estis publikigita en la “Kongresa Kuriero”. Ties aŭtoro plendis: «Kio pleje ĝenis min, estis, ke mi nenion komprenis... Do, certe, estis interese foje mallonge aŭdigi la okcitanan lingvon, sed ne nur! Oni certe trovus homon, kiu koncize povus redoni la enhavon... Por mi ĉiuokaze lingvo estas io, per kio oni transdonas enhavan informon». Mi tiam emociplene ekdiskutis kun la plendulo, skribinte mian obĵetan opinion, ke *Patric* estas vera animo de la popolo de Okcitanio, ke liaj kantoj ne bezonas interpretadon, ĉar sola interpretisto povas esti nur la homa animo...

Sed post dekdu jaroj, kiam mi duan fojon vizitis Francion, rezulte de kio pludaŭris mia konatiĝo kun kreaĵoj de *Patric*, mi komprenis, ke nur melodioj, kvankam magie belaj, ne sufiĉas por kompreni la profundan sencon kaj animon de la kantoj. Ĉe mi aperis deziro traduki en Esperanton okcitanajn kantojn, kiujn plenumas *Patric*, inter kiuj estas ne nur liaj aŭtoraj, sed ankaŭ la tradiciaj kantoj de la okcitana popolo, al kiuj li donis duan vivon. Rezulte de tiu ideo aperis la kantaro "Okcitanaj kantoj en Esperanto".
Mi absolute nenion sciis pri la okcitana lingvo, sed kiam mi komencis kun helpo de la okcitana esperantisto *André ANDRIEU* tradukadon de la kantoj, mi tuj eksentis, kiom parenca ĝi estas al nia kara Esperanto malgraŭ diferencoj en iliaj fonetikoj kaj gramatikoj. Por pruvi tion mi en unu el miaj tradukaĵoj intence lasis en la originala formo la unuan verslinion de la kanto de *Patric* kaj la dua verslinio jam estis traduko de la unua (rigardu la moton). Gravparte ĝuste pro tiu proksimeco mia traduklaboro pasis facile kaj plezurplene. Poste, en aprilo 2011, mi havis la feliĉon renkontiĝi kaj persone konatiĝi kun *Patric* en lia patroloko *Mèze*. Dum la interparolo *Patric* esprimis miron, kiel bone mi konas lian biografion (mia samlandanino *Svetlana SMETANINA*, kiu bone posedas la francan lingvon, rolis interpretiston), al kio mi respondis en Esperanto: "Via biografio estas en viaj kantoj". *Patric* komprenis la frazon sen traduko.
Do, jen ioma informo el la biografio de mia favorata bardo.
*Patric* (lia oficiala plena nomo estas *Patrick MARTIN*) naskiĝis la 22-an de julio 1946. Sian infanaĝon kaj junecon li travivis en la antikva loĝloko *Mèze*, kiu situas surborde de la pitoreska laguno *Thau*. *Patric* kreskis en etoso de beleco de la patrotero kaj popolaj kutimoj kaj kantoj. En juneco li memstare lernis gitarludi kaj komencis kanti kaj verki kantojn. En la vilaĝo *Génolhac*, situanta meze de Cevenoj, ĉiujare okazis tradicia folklora festo. En aŭgusto 1967 *Patric* kaj lia amiko prezentis en la festo sian franclingvan programon, montrante sin kiel mezepokajn trobadorojn sur la placo. Estis granda sukceso. Oni petis la junulojn kanti ĝis nokto, kaj poste la festo daŭris en taverno. Direktoro de loka kolegio deklamis fablojn de *Bigot* en la okcitana lingvo. *Patric* estis konsternita. Li taksis la okcitanan lingvon nur kiel dialekton de sia vilaĝo, kiel "patois"[1] kaj subite evidentiĝis, ke tio estas memstara lingvo – bela, riĉa kaj esprimpova. Tiu tago estis turnopunkta por *Patric*. Li decidis verki kaj kanti nur en la okcitana lingvo kaj uzi sian okcitanlingvan nomon *Patric* kiel artistan pseŭdonomon. *Patric* tralegis tutan libraron en la okcitana lingvo, precipe atente tiujn pri trobadoroj, kaj li tutanime eksentis, ke lia destino estas daŭre porti la majstrecon de siaj gloraj prauloj. La 4-an de aprilo 1969 *Patric* unuafoje publike kantis en la okcitana lingvo sur scenejo de la Instituto de Okcitanio en la urbo *Uzès*, kaj samjare kun granda sukceso elpaŝis en festivalo en la urbo Karkasuno. Poste estis centoj, miloj da koncertoj en Okcitanio, Francio kaj en dekoj da aliaj landoj de la mondo, ankaŭ du dekoj da albumoj sub la propra marko "*Aura*". La 25-an de decembro 1975 realiĝis granda revo de *Patric* – li kantis en Kristnaska televida elsendo kune kun sia famega samlandano (kaj najbaro el la urbo Seto) *Georges Brassens*.



Foto: *A. Hapartzoumean*
***Patric* kun *Georges Brassens***

Jen kion skribas *Patric* en sia libro "*Profession troubadour*":
«Mi estis, estas kaj estos eterna ribelanto. Miaj kantoj estas krioj de mia animo. Sed mi krias sen akutigo de la voĉo – tia estas mia stilo... Mi estas revanto kaj idealisto. Mi revis pri sendependa Okcitanio, mi revis pri tio en miaj hotelĉambroj post ĉiu mia koncerto».

## EN IREM-11 *PATRIC* UNUAFOJE EKSONIS EN ESPERANTO

*Ho Patrik', kantu, kantu, kantu!*
*Ho Patrik', kantu kun gitar'!*
*Sonu l' kantoj sur ter' kaj mar'*
*Okcitane kaj Esperante.*
*Ho Patrik', kantu, kantu, kantu!*
*Kantu pri l' gloro de l' Patri',*
*Pri esper' de Okcitani'*
*Kaj kun vi kore kantos ni!*

(laŭ la kanto de *Patric* "*Papari*")

Kiam mi eksciis pri IREM-11 (Interasocia Renkontiĝo de Esperantistoj de Mediteraneo) planata en aprilo 2011 en la urbo Seto, mi decidis nepre veturi al la aranĝo, kio estis efektivigita kune kun *Svetlana SMETANINA*. La ĉefaj celoj de mia vizito al Okcitanio estis du: konatigi la partoprenantojn de IREM-11 (ĉirkaŭ 400 homojn el 16 landoj) kun okcitanaj kantoj en Esperanto kaj konatiĝi pli proksime kaj profunde kun Okcitanio.




**Kovrilpaĝo de la okcitana kantaro tradukita en Esperanton.**

La unua tasko estis atingita per du rimedoj: unue, per aŭdigo de kelkaj kantoj de *Patric* en Esperanto dum lia koncerto. Tiun taskon bone plenumis JoMo (*Jean-Marc LECLERC*), kiu ne nur kantis du kantojn de *Patric* en Esperanto, sed ankaŭ komentis por la esperanto-publiko liajn okcitanlingvajn kantojn. Tiamaniere ni sukcesis korekti la malnovan “eraron” de la organizintoj de la Nacia vespero en la Montpeliera kongreso. La kantoj de *Patric* eksonis en Esperanto! Dua rimedo por popularigo de okcitanaj kantoj estis prezento kaj distribuo de la kantaro “Okcitanaj kantoj en Esperanto”[2] inter la partoprenantoj de IREM-11. Tio pasis sufiĉe sukcese dank' al la organiza talento kaj klopodoj de *Svetlana*. Min tre interesis reago de la aĉetantoj. Estis esprimitaj deziroj, ke krom la kantaro estu eldonita Esperanto-albumo de *Patric* en formo de kompaktdisko. Tiun taskon surprenis JoMo kaj Flo (*Floréal MARTORELL*) – estis ricevita konsento de *Patric* okupiĝi pri la albumo surbaze de la studio “Vinilkosmo” (*Donneville*-Tuluzo). Tio estis tre grava atingo! Antaŭnelonge mi kun ĝojo eksciis, ke en “Vinilkosmo” estas sukcese registrata la esperantlingva albumo “Okcitanio” en plenumo de *Patric*!!!

Foje min konsternis francino, kiu leginte la titolon de la kantaro demandis nin: «Kio estas okcitano?» Ve, tio estas evidenta rezulto de la maljusta nacilingva politiko de la francia registaro, kiu dum multaj jarcentoj subpremadis la okcitanajn popolon kaj lingvon, samkiel la aliajn minoritatojn de la lando (pri tio temos aparte).

Sed tute mirinda por mi (tamen agrabla) estis momento, kiam min aliris juna viro, kiu pli frue aĉetis la kantaron, kaj diris jenon: «Mi estas origina okcitano. Tamen en nia familio jam la tria generacio ne parolas okcitanlingve. Mi multfoje aŭdis kaj ŝatas okcitanajn kantojn, eĉ povas kunkanti ĉe okazo, sed mi neniam komprenis ties enhavon. Mi dankas vin pro tio, ke vi komprenigis ilin por mi». Tiel tute neatendite evidentiĝis, ke nia kantaro servas ne nur por konatigi okcitanajn kantojn al alinaciaj esperantistoj, sed ankaŭ por revenigi al junaj okcitanoj ties propran kulturon pere de Esperanto!

La dua celo de mia vojaĝo estis konatiĝi propraokule kun Okcitanio. La kantoj de *Patric* estis kvazaŭ gvidlibro por ni, tiom informoplenaj ili estas. Ili citas grandan kvanton de diversaj toponimoj kaj kreskaĵoj de Okcitanio, rakontas pri historiaj eventoj kaj personoj, pri la popolaj tradicioj kaj legendoj, kaj simple mencias multajn nomojn de ordinaraj okcitanaj virinoj kaj viroj, ties morojn kaj sortojn. Tio estas vera enciklopedio!

Kaj jen ni kun *Svetlana* dank' al niaj afablaj gastigantoj-esperantistoj *Arie* kaj *Marlène BOUMAN* kaj *Hanna CAYZAC* faris memorindan vojaĝon tra Okcitanio. Gvidis nin la kantoj de *Patric*.

## “TIU LAND' ESTAS INTER LA MAR' KAJ MONTARO ”

*Vin, ho mia sun', ŝirmita nun;*
*Vin, mia mar', nun sen akvar';*
*Vin, ho blinda hom' kun serĉa man',*
*Iranta jen al mort-ĝarden',*
*Mi amas vin!*

(El la kanto de *Patric* “Okcitanio”)

Kia belega terloko estas Okcitanio! Ni, venintaj ĉi tien el Moskvo, kie en mezo de aprilo ankoraŭ ne ĉie degelis neĝo, sentis nin kvazaŭ en paradizo. La lazura ĉielo, karesa suno, ĝardenoj kun florantaj kaŝtanarboj, fruktoarboj kaj rozoj, helverdaj vitejoj kaj aliaj buntkoloraj kulturitaj kamparoj, borderitaj de sovaĝaj ruĝaj papavetoj, kaj la Maro – neĉirkaŭirebla kaj alloga! Tuj rememoriĝas la versoj de *Lermontov*:

**«Solblankas velo-vagabondo en bluvualo de la mar'...»**



Sed mi rememoras ankaŭ aliajn versojn, dediĉitajn al Okcitanio, kiuj estas cititaj en la moto. Kia amaro, kia animdoloro senteblas en tiuj ĉi versoj de *Patric*, kvankam temas en ili ŝajne pri la samo: suno, maro, ĝardeno... Kio kaŭzis tiujn tragikajn vortojn?
Ĉio bela kaj perfekta ofte elvokas envion de fremduloj kaj ties deziron proprigi la bonaĵojn. Ne vane ja ĉinoj en antikvaj tempoj, dezirante savi de la malicaj okuloj la produktatajn porcelanajn vazojn, speciale malbeligis ilin, kovrante per fadenaj fendetoj. Okcitanio, kiel tiu perfekta fragila vazo, ne evitis malbonan sorton. La maliculoj perforte alproprigis ĝin, sed ĉe tio senhonte frakasis la koron de la okcitana popolo. Kaj tiu koro sangas kaj ploras en kreaĵoj de la okcitanaj poetoj, kiuj plej bone esprimas sentojn de sia popolo.




**Okcitania mapo adaptita el vikipedia mapo.**

## KIO JA ESTAS OKCITANIO?

Necesas pli detale ekspliki la nociojn “Okcitanio”, “okcitano”, “la okcitana lingvo”. Mi devas ja finfine respondi al la francino, kiu demandis min pri tio en la libro-servo de IREM-11.
Vi sur neniu geografia mapo trovos ŝtaton kun tia nomo – Okcitanio, ĉar per tiu ĉi vorto oni signas aron de teritorioj apartenantaj al tri ŝtatoj. Krom Sudan Francion Okcitanio enhavas partojn de Hispanio (distrikto Valo de Arano, fakte en Katalunio[3]) kaj de Italio (pluraj sudalpaj valoj kaj la municipo *Guardia Piemontese* en Kalabrio).
En Sud-Francio al Okcitanio apartenas pluraj regionoj kaj departementoj. La plej grandaj el la regionoj estas Langvedoko-Rusiljono, Provenco-Alpoj-Bordo Lazura, Akvitanio, Limoĝio, Aŭvernjo, Sudo-Pireneoj.[4]
Kiel notas francaj historiistoj, sudaj provincoj de Francio ĉiam estis, estas kaj estos specifaj teritorioj, eterne alia terloko. La radikojn de tiu “alieco” necesas serĉi en la malproksima pasinteco, en la unua jarcento antaŭ nia erao, kiam romianoj sub la gvido de Julio Cezaro militokupis la teritorion kaj faris ĝin parto de la Romia Imperio. Antaŭ tio en la regiono loĝis diversaj gentoj, inter kiuj plejmultis keltoj (gaŭloj). Tiuj gentoj estis dividitaj kaj ofte interbatalis unu kontraŭ la alia, kaj tio estis la ĉefa kaŭzo de ilia nekapablo kontraŭstari al la invadantoj. La romianoj, kiuj havis pli altan civilizan staton, poiome asimiladis la lokan loĝantaron, transdonante al ĝi siajn leĝojn kaj morojn, siajn lingvon kaj kulturon. Tiu romiigo plej forte tuŝis la sudajn partojn de Gaŭlio, kion kaŭzis la geografia situo de la regiono (proksimeco al la maro kaj sekve al ĉefaj komercaj vojoj). Rezulte en la suda parto de estonta Francio formiĝis specifa nacia-teritoria kaj kultura-ekonomia komunumo, kiu havis proprajn socian ordon kaj literaturan lingvon.

La regiono progresis multe pli rapide kompare kun nordaj teritorioj de Gaŭlio: plimultiĝis urboj, en kiuj disvolviĝis metioj kaj komerco, formiĝis fenomeno unika por Mezepoko – socia konsento inter diversaj sociaj tavoloj de la loĝantaro: nobeloj, negocistoj, metiistoj en urboj, kaj kamparanoj. Tiu interkonsento baziĝis sur egaleco kaj leĝeco. Ĉiuj homoj sendepende de la sociala stato estis liberaj, sklaveco estis en nenia formo. En grandaj urboj (Tuluzo, Narbono, Montpeliero, Karkasuno) en tiu epoko ekzistis tia formo de demokratio en moderna senco de la vorto, kiel elektita urba administracio. Konsuloj, elektataj en kapitulojn kaj magistratojn, eldonadis leĝojn, faris verdiktojn, kontraktojn k.a. Al la administrado estis allasataj virinoj kaj alinacianoj, same kiel al malfermitaj publikaj debatoj, kiuj estis vaste praktikataj. En okcitaniaj urboj prosperis judaj societoj, kiuj libere sekvis sian konfesion. Ĉefa trajto de la socio estis toleremo al diversaj opinioj kaj religiaj dogmoj, ĝenerale al novaj ideoj. Pro tio, kiam en la 12-a jarcento en Okcitanio aperis kataroj, kiuj nomis sin veraj adeptoj de la doktrino de Kristo kaj ne agnoskis la rom-katolikan eklezion, tiu ĉi movado rapide disvastiĝis inter diversaj tavoloj de la okcitana socio, inkluzive riĉajn sinjorojn. Sed jam en la 13-a jarcento okcitanoj estos terure punitaj pro sia liberamo flanke de la francaj baronoj, kiuj sub egido de Papo Inocento la 3-a lanĉis, pretekste de batalo kontraŭ herezo, krucmilitojn kontraŭ okcitanoj, detruis multajn okcitanajn urbojn, murdis ties loĝantaron kaj alproprigis ne nur riĉaĵojn de Okcitanio, sed ĝin mem. Ekde tiu tempo Okcitanio ne plu estis sendependa, iĝinte parto de Francio. Tio estis evolua katastrofo por Okcitanio, ties kulturo kaj lingvo.

Estas interese kompreni, kiel formiĝis la unueca okcitana lingvo – ja inter la loĝantoj de la suda regiono de la nuna Francio neniam estis plena identeco. Krom la unuiga influo de la latina lingvo al ĉiuj originaj lingvoj de la gentoj, aligitaj al la Romia Imperio, rezulte de kio en la regiono formiĝis tiel nomata vulgara latina lingvo, ekzistas opinio, ke al identigo de diversaj dialektoj en Mezepoko grave influis trobadoroj, la unuaj vagantaj bardoj de Okcitanio, kiuj verkis baladojn kaj serenadojn en la provenca[5] lingvo kaj poste portis ilin tra la tuta regiono, samtempe disvastigante la provencan lingvon mem, kiu estis kerna en la okcitana lingvo (ne vane ja ĝis la lasta tempo en la rusa lingvo ĉion, ligitan kun historio, kulturo kaj lingvo de Suda Francio, oni nomis ne okcitana, sed provenca). Estis trobadoroj, kiuj dum du centjaroj kreis novan tipon de poezio – rimitan lirikan poezion – en la nova latinida lingvo, kies karakteraj trajtoj estis beleco, riĉeco kaj fajneco. La baladoj de trobadoroj kiel modelo de altsentaj lirikaj kreaĵoj formis la tutan postan eŭropan poezion.


El Vikimedio.
**La trubadoro, *Bernard de Ventadour.* El 13-jarcenta manuscripto pri trubadura muziko.**



**Dulingva strattabulo en Seto, supre franca, sube okcitana: Vojo de la buksoj.**

Jen kial nuntempaj okcitanoj hontas publike paroli la propran lingvon. Kaj la junaj generacioj eĉ ne kapablas paroli okcitane entute.

Al tiu ĉi doloriga temo estis dediĉita la forumo kadre de IREM-11, kiu nomiĝis “La Okcitana, ĉu prihontinda lingvo?” Ni kun granda atento aŭskultis la prelegon de la kataluna okcitano, aktivulo de Kataluna Esperanto-Asocio *Ferriol MACIP i BONET* (*Farri*), kiu dum pluraj jaroj laboris en Okcitanio kiel grupestro en someraj tendaroj, kies celo estis, ke infanoj kaj adoleskuloj praktiku la okcitanan lingvon. *Farri* prezentis al ni multajn ekzemplojn de konduto de la franciaj okcitanoj, kiuj hontas paroli en la denaska lingvo. En privata situacio ili volonte faras tion, sed en vendejoj, poŝtejoj kaj aliaj publikaj lokoj tuj transiras al la franca. Certe, neniu ja deziras aspekti “azeno”! Mi mem konvinkiĝis en parolo kun konata okcitano, tre inteligenta homo, kiu tamen preferis ne montri publike sian okcitanecon. Kiam mi eksciis pri la fakto, ke en Francio dum censoj oni ne

## "LA OKCITANA, ĈU PRIHONTINDA LINGVO?"

*La vivo min inspiras al granda maltrankvil',*
*Nokte mi suspiras sen dormo en pupil'.*
*Mi aŭdas, kiel krias bonhomoj pro util'*
*Al ĉiu franco "Siro!" kun plena fi-humil'.*

(el la kanto de *Patric'* “Ve! Tuluzo kaj Provenco”)

Post la anekso de Okcitanio la francaj reĝoj kaj ties posteuloj aranĝis subpreman administradon en Okcitanio laŭ la principo: unu lando – unu nacio – unu lingvo. La franca lingvo estis deviga en la instruado kaj la aliaj sferoj de la soci-vivo. Krome, oni malpermesis en la lernejoj paroli en la okcitana lingvo eĉ inter la lecionoj. Kaj tiu politiko daŭris dum pluraj jarcentoj. Mi aŭdis propraorele rakonton de maljuna okcitano pri tio, ke en la lernejo, kiun li frekventis en infanaĝo, oni punadis lernantojn, kiuj aŭdacis paroli la gepatran lingvon, pendigante sur ties kolojn ŝildetojn kun la vorto “azeno”!



***Ferriol MACIP i BONET* (*Farri*), preleganta en IREM-11.**

uzas en enketiloj la rubrikojn “nacieco” kaj “denaska lingvo”, mi esprimis al tiu okcitano mian miron kaj malkonsenton rilate tiun diskriminacion, sed li trankvile oponis: “Sed por kio ja necesas montri sian naciecon? En nia lando ĉiuj estas egalrajtaj”. Do, li komprenas nacian niveligon, pli ĝuste - nacian neglekton kiel egalrajtecon! En Mezepoko oni neglektis okcitanojn perforte, nun pli “civilizite” – per prisilento, kvazaŭ tiu ĉi popolo ne ekzistas entute. Kaj mi devas konstati, ke la francaj registoj plene sukcesis en tiu ĉi agad-kampo: komence de la 20-a jarcento en la regionoj de francia Okcitanio dominis la okcitana lingvo kiel parola popola lingvo, sed nun vi trovos sur la stratoj de Suda Francio eĉ ne unu parolantan okci-tanlingvanon. Ni fakte devas konstati plenan lingvan asimiliĝon de okcitanoj al la majoritata nacio de Francio. Mia okcitana amiko *André ANDRIEU* havas la saman opinion, li informis min, ke en IREM-11, kies partoprenantoj estis plejparte el Sud-Francio, li trovis ne pli ol kvar-kvin homojn, kun kiuj li povis interparoli okcitane.


***André ANDRIEU***

Tio estas plorinda: ja foriras ne simple bela lingvo, foriras la tuta granda, unika kaj riĉega kulturo, kies portanto estis la okcitana lingvo. Foriras la poezio de trobadoroj kaj “La kanto pri la krucmilito kontraŭ la albigensoj” (la unika kreaĵo de la mezepoka okcitana literaturo, heroa epopeo). Foriras *Frédéric MISTRAL* kun sia genia poemo “*Mirèio*”[5] kaj enciklopedia vortaro de la okcitana lingvo (oni aljuĝis al li la Nobel-premion en la jaro 1904 ĝuste pro lia grandega kontribuo al renaskigo kaj disvolvo de la okcitana lingvo kaj literaturo). Foriras ankaŭ la belegaj kantoj de *Patric* kaj ĝenerale ĉiuj tradiciaj okcitanaj kantoj, kiuj jam iĝis propraj al mia animo!

Tia situacio estas netolerebla! Tion komprenas certe ne nur mi. En la forumo oni rakontis pri batalado de okcitanaj intelektuloj, inkluzive esperantistojn, por konservo kaj evoluigo de la okcitana lingvo kaj kulturo. Iaj sukcesoj estas, sed ne tro grandaj. En francia Okcitanio estas organizitaj kelkaj specialaj lernejoj por infanoj, nomataj “*Calandreta*” (okcitane – Alaŭdo), en kiuj oni instruas nur okcitanlingve kaj la franca estas instruata kiel fremda lingvo. Sed la francia ŝtato ne subtenas tion finance, la instruistoj ofte laboras senpage.

Esperigas nur la stato de la okcitana lingvo ekster Francio. En Hispanio (aŭtonoma Katalunio) ni vidas tute alian nacilingvan politikon de la registaro. La okcitana lingvo (same kiel la parenca al ĝi kataluna) kaj la lingvaj rajtoj de civitanoj estas protektataj fare de la ŝtato. En la jaro 2010 la parlamento de Katalunio aprobis novan leĝon pri la okcitana lingvo, kiu deklaras, ke la okcitana lingvo, nomata arana en Arano, estas «la lingvo propra al tiu teritorio kaj estas oficiala en Katalunio»[3].




Mi ĝojas kune kun la kataluniaj okcitanoj, kiuj dum jardekoj batalis por ricevi tiun leĝon. Kaj mi deziras al la franciaj okcitanoj, batalantaj por siaj naciaj kaj lingvaj rajtoj, plenan sukceson![6] ***LuNo,*** Rusio

Fotoj: *Ludmila Novikova* kaj *Svetlana Smetanina*.

Notoj:

[1] malestima nomo de la okcitana lingvo kaj de ĉiuj “regionaj” lingvoj en franclingvaj ŝtatoj.

[2] **Eldonejo Impeto: http://www.impeto.trovu.com/diversa/okcitana. Disko aperos venontaŭtune ĉe Vinilkosmo kun 15 kantoj parte de *Patric* parte tradiciaj.**

[3] ***Etnismo*** no 86, 15.11.2010, p. 14 - 17: “Leĝo pri la okcitana en Katalunio”.

[4] Temas pri administraj regionoj enkondukitaj en 1956. Ili ne komplete kongruas kun la historiaj regionoj montrataj sur la mapo.

[5] ***Etnismo*** no 76, 01.06.2005, p, 2 - 9: “Okcitanio, Frédéric Mistral kaj la provenca lingvo - Mirejo, Frédéric Mistral - Okcitanoj kaj katalunoj - La okcitana en la formado de instruistoj kaj en la lerneja realo de suda Francio.”

[6] ***Etnismo*** 26, 20.12.1980 p. 3 -5 kaj ***Etnismo*** 27, 28.08.81, p.14 - 17: “Okcitanio”. (elĉerpitaj, nur eblas ricevi fotokopiojn).


**Juna generacio de okcitanaj esperantistoj.**

Alain Favre

# (MAL)LASTE APERIS ...

## Tutmondiĝado – lingvoj de malgranda disvasteco – interlingvistiko: situacio kaj problemoj.

Redaktis *Aleksandro S. Melnikov*.
Rostovskij Institut Inostrannyĥ Jazykov,
Rostov-na-Donu, 2006.
ISBN 5852160555/5852160563
Mendebla ĉe UEA, prezo 21 eŭroj.




Tiu libro, aperinta en 2006, konsistas el du volumoj, la unua en la rusa kun resumoj en la ĉuvaŝa (156 paĝoj), la dua en esperanto (116 paĝoj). La esperanta versio estas la sama kiel la rusa, sen resumoj kaj kun malpli da notoj. En deko da artikoloj temas kompreneble pri interlingvistikaj problemoj, kun granda atento al minoritataj situacioj. Oni trovas interalie kontribuaĵojn pri la ĉuvaŝa, la oseta, la gagauza (pri kies ekzisto tutcerte ne multaj scias) kaj ankaŭ pri esperanto, tiu lasta ĉefe por ruslingvanoj. Jen entute riĉa duobla libreto, kun aliloke malfacile troveblaj informoj kaj interesaj opinioj pri lingva minoritateco – al kiuj kontribuis ankaŭ homoj, kiuj membras aŭ kiuj proksimas al nia asocio.




## Eŭropa Unio – hieraŭ, hodiaŭ, morgaŭ. Lingvaj kaj kulturaj aspektoj.

Redaktis *Senad Čolić*.
Eldonis *elbih* (Ligo de Bosnio kaj Hercegovino),
Sarajevo, 2011.
ISBN 978-9958-1923-0-2.
Mendebla ĉe UEA, prezo 21 eŭroj.

Fine de oktobro 2010 Esperanto-Ligo de Bosnio kaj Hercegovino organizis "rondan tablon", kun dudeko da kontribuantoj el dekkvin landoj kaj kvindeko da partoprenantoj, ĉirkaŭ la temo Eŭropa Unio kaj ties kultura diverseco. Oni ja povus pensi pri remaĉitaj aferoj, sed la aktualeco, la profundo de la intervenoj kaj la diskutoj, kiuj sekvis ĉiun el la kvar sesioj, vere valoras la legadon. Eĉ bedaŭron, se oni ne partoprenis. Inter la plejofte tre konataj kontribuantoj ni notu plurajn IKEL-anojn - iuj ankaŭ okupiĝis pri la angla kaj germana resumoj, dum la bosna estis verkita de la redaktisto. Al la financado de tiu 200-paĝa, plaĉaspekta eldono, kiu aperis malpli ol jaron post la simpozio, kontribuis la Ministerio pri civilaj aferoj de Bosnio kaj Hercegovino (Sarajevo) kaj *Esperantic Science Foundation* (Novjorko).

Dieter Meiners kaj Uwe Joachim Moritz

# PLURLINGVA ŜLESVIGIO-HOLSTINIO

Laŭ tutpaĝa raporto en la taggazeto "*Flengsborg Avis*" [Flensburga Gazeto] de la 5-a de februaro 2011, la parolilo de la dana kaj frisa minoritatoj en norda Ŝlesvigio-Holstinio (ŜH), la tie vivantaj **romaoj** plian fojon postulas mencion de sia etno en la federacianlanda konstitucio kaj samrajtan pozicion kiel la danoj kaj frisoj. En ŜH vivas proksimume 5 000 romaoj kun germana civitaneco[1].

La aktuala ĉi-tema diskutado en la koncernata parlamento altiras la atentemon al la nuna lingva situacio en ŜH. Senkonsidere de la germaniaj urboj-ŝtatoj Berlino, Bremeno kaj Hamburgo, la plej norda federaciana lando, situanta inter la Norda kaj Balta maroj, estas laŭ areo la dua plej malgranda kaj laŭ nombro de loĝantoj la kvara plej malgranda federaciana lando de Germanio. El ĝia apudlimeco kaj el ĝia historia evoluo fontas ke malgraŭ ĝia malvasta etendiĝo en ŜH estas parolataj pluraj lingvoj, eĉ pli multaj ol en kiu ajn alia federaciana lando. La plejmulto uzas la **norm-germanan**.

Plurlingvecon oni renkontas precipe en la nordo de tiu ĉi federaciana lando, t. e. en Ŝlesvigio, kiu etendiĝas inter la rivero *Eider* kaj la limo kun Danlando. La tuta Ŝlesvigio, iama duklando, apartenInta en la historio jen al Danlando jen al la Germana Regno, estis loĝata en sia suda parto far germanlingvuloj kaj en la norda far danlingvuloj. Sekve de interetnaj konfliktoj, precipe dum la 19-a kaj 20-a jarcentoj, post la Unua mondmilito surbaze de referendum-distriktoj oni fiksis inter Danlando kaj Germanio limon, kiu ĝenerale kongruas kun la lingvolimo. Ŝlesvigio estas, do, ekde 1920 politike dividita: Ekde tiam la nordo apartenas al Danlando kaj la sudo al Germanio.

Kvankam la menciita lim-fiksado ĝenerale sekvis la lingvolimon, ja ekzistas ambaŭflanke de la politika limo lingvaj minoritatoj: en suda Danlando germanlingva minoritato kaj en la germana regiono Ŝlesvigio **danlingva.** Ambaŭ prizorgas siajn anojn lingve-kulture per propraj gazetoj, lernejoj, bibliotekoj kaj teatraĵoj kaj havas partipolitikan reprezentiĝon en la parlamento de la respektiva "gastigantejo", la germana minoritato en la "*Folketing*" en Kopenhago kaj la dana minoritato en la ŜH-parlamento en *Kiel*. Laŭ la tiel nomata "Bono-Kopenhaga Deklaro" el la jaro 1955 interkonsentita far Germanio kaj Danlando, estas la konstitucie fiksita rajto de ĉiu individuo libere konfesi sin dano aŭ germano. Laŭ la landa konstitucio de ŜH, la lando, municipoj kaj municipaj ligoj protektas la kulturan aŭtonomion kaj partoprenon en la politika vivo de la naciaj minoritatoj kaj etnaj grupoj. La gepatroj decidas ĉu iliaj infanoj frekventu lernejon de nacia minoritato.

Probable proksimume 50 000 personoj kun germana civitaneco nombrendas kiel anoj de



la dana minoritato. Ilia presorgano, la taggazeto "*Flensborg Avis*" ["Flensburga Gazeto"], estas presata parte en la dana, parte en la germana lingvo, ĉar ekzistas ankaŭ danemuloj ne regantaj la danan lingvon. La plej granda dana biblioteko en la germania parto de Ŝlesivigio estas la "*Dansk Centralbibliotek for Sydslesvig*" ["Dana Centra Biblioteko por suda Ŝlesvigio"]. La "Sudŝlesvigia Balot-Unuiĝo" estas la partio kiu defendas la interesojn de la dana kaj frisa minoritatoj kaj reprezentas ilin en la parlamento en *Kiel* sendepende de la klaŭzo de 5-procenta minimumo de la balotvoĉoj, valida rilate aliajn partiojn.

En vastaj partoj de ŜH, krom la normgermana, estas parolata (aŭ almenaŭ komprenata) la **platdiĉa**, kiu subdividiĝas laŭ la regionoj en diversajn dialektojn. Oni taksas ke en ŜH proksimume 2,5 milionoj da homoj parolas aŭ almenaŭ komprenas la platdiĉan. Ĝi havas longan kaj konsiderindan tradicion; memorindas ke ĝi servis tra pluraj jarcentoj kiel "*Lingua franca*" [interlingvo] por la hanso, tiu kuniĝo de komercistoj kaj urboj en norda Eŭropo.

En ŜH ankaŭ la platdiĉa estas protektata per la Eŭropa Ĉarto de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Kiel aliaj nordgermaniaj landoj, ankaŭ ŜH publikigis sian konstitucion en la platdiĉa, kiu estas unu el la oficialaj lingvoj en la landa parlamento. Eksplikoj ĉe turismaj vidindaĵoj, krom en la normgermana, parte troveblas ankaŭ en la platdiĉa. Diversaj lokoj montras stratnomojn en la platdiĉa.

La platdiĉa estas la ĉiutaga lingvo precipe en urbetoj, vilaĝoj kaj en la kamparo, sed la junaj generacioj plej ofte uzas la normgermanan. En aro da elementaj lernejoj okazadas lego-konkursoj en la platdiĉa. Ankaŭ parto de la kultura vivo efektiviĝas en tiu ĉi lingvo: platdiĉaj teatraĵoj, eldonejoj de platdiĉa literaturo, biblio-tradukoj kaj diservoj, platdiĉaj suplementoj en la felietono de regionaj gazetoj same kiel radio- kaj televidprogramoj en la platdiĉa.

Oni taksas ke en ŜH proksimume 2,5 milionoj da homoj parolas aŭ almenaŭ komprenas la platdiĉan. Ĝi havas longan kaj konsiderindan tradicion; memorindas ke ĝi servis tra pluraj jarcentoj kiel "*Lingua franca*" [interlingvo] por la hanso, tiu kuniĝo de komercistoj kaj urboj en norda Eŭropo.

En ŜH ankaŭ la platdiĉa estas protektata per la Eŭropa Ĉarto de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Kiel aliaj nordgermaniaj landoj, ankaŭ ŜH publikigis sian konstitucion en la platdiĉa, kiu estas unu el la oficialaj lingvoj en la landa parlamento. Eksplikoj ĉe turismaj vidindaĵoj, krom en la normgermana, parte troveblas ankaŭ en la platdiĉa. Diversaj lokoj montras stratnomojn en la platdiĉa.

La platdiĉa estas la ĉiutaga lingvo precipe en urbetoj, vilaĝoj kaj en la kamparo, sed la junaj generacioj plej ofte uzas la normgermanan. En aro da elementaj lernejoj okazadas lego-konkursoj en la platdiĉa. Ankaŭ parto de la kultura vivo efektiviĝas en tiu ĉi lingvo: platdiĉaj teatraĵoj, eldonejoj de platdiĉa literaturo, biblio-tradukoj kaj diservoj, platdiĉaj suplementoj en la felietono de regionaj gazetoj same kiel radio- kaj televidprogramoj en la platdiĉa. Tamen ne ekzistas fiksita platdiĉa ortografio, tiel ke la skribmaniero varias inter la platdiĉaj verkistoj.

En la okcidenta marbordo de Ŝlesvigio kaj sur la proksimaj insuloj parte ankoraŭ parolatas la **nordfrisa** lingvo, kiu estas protektata per la Eŭropa Ĉarto de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj. Oni taksas ke proksimume dekmil personoj parolas la nordfrisan, kiu subdividiĝas en dek dialektojn, el kiuj kelkaj estas minacataj per formorto. Ekzistas leĝo por progresigi oficialan uzadon de la frisa en la subdisktrikto Norda Frislando kaj sur la insulo Helgolando. Pluraj lokoj jam havas loknomajn tabulojn en la normgermana kaj en la frisa.

La nordfrisa apartenas al la frisa lingva familio, kiu estas intime parenca kun la angla kaj kies aliaj branĉ(et)oj estas la okcidentfrisa en norda Nederlando (provinco Frislando) kaj resto de la orientfrisa (saterfrisa) en la malgrandega Saterlando (nordokcidenta Malsupra Saksio). En Orienta Frislando [*Auerk, Emden* kaj *Leer*] jam dum jarcentoj ne plu parolatas la frisa, ĉar ĝin forpelis la platdiĉa.

Kulturaj reprezentantoj estas la "*Nordfriisk Instituut*" ["Nordfrisa Instituto"], la "*Friisk Foriining*" ["Frisa Unuiĝo"] kaj la "*Friisk Gesäts*" ["Frisa Konsilantaro", kies sekcio Nordo nomas sin "*Frasche Rädj*" (samsignifa)]. Sur la kontinento ekzistas dan-frisa elementa lernejo, kaj en la insulo *Amrum* troviĝas lernejaro fleganta la tiuinsulan dialekton. Sed ankaŭ en aro da aliaj lernejoj de Norda Frislando la frisa estas instruata.

Plia lingvo en Ŝlesvigio estas la dana dialekto "**Sønderjysk**" (**sudjutlanda),** parolata precipe en norda Ŝlesvigio. Estas interese ke la sudjutlanda estas multe uzata far la germana minoritato en norda Ŝlesvigio. Tiun ĉi dialekton oni nomas simplige "platdana" kontraste al la "regna" dana. Esenca distingilo, kompare al la "regna" dana, estas ke en la sudjutlanda (same kiel en la germana, angla kaj nederlanda) la difina artikolo metiĝas antaŭ la substantivon, dum en la "regna" dana (same kiel en la ceteraj ĝermanaj skandinaviaj lingvoj) ĝi kvazaŭ sufiksiĝas al la substantivo. La leksiko enhavas pli da pruntaĵoj el la platdiĉa kaj el la normgermana ol la aliaj danaj dialektoj. Ankaŭ la saluton "Moin", kutima en norda Germanio, forme de "Mojn" penetris en la sudjutlandan[2]. Aliaflanke la sudjutlanda konservas malnovajn skandinaviajn vortojn, kiuj jam estis anstataŭigitaj en la "regna" dana.

Dum sudjutlandaj dialektoj (kiel, ekzemple, la engla-dana) antaŭ la divido de Ŝlesvigio per la german-dana limo parencis kun dialektoj en la nuntempe dana insulo *Alsen* kaj estis parolataj en la interrilatoj norde

kaj sude de la Flensburga fjordo, intertempe la sudjutlanda estis altagrade forpuŝita far la normgermana. Kontribuis al tiu ĉi procezo la ekloĝigo de forpelitoj post la Dua Mondmilito. La sudjutlanda pluekzistas en suda Ŝlesvigio nur en kelkaj municipoj apudlimaj. Apenaŭ ekzistas sudjutlanda literaturo; la dialekto estas precipe parolata idiomo. Tamen, jam dum aro da jaroj, en norda Ŝlesvigio aktivas la lingvopolitika asocio "*Æ Synnejysk Forening*" ["La Sudjutlanda Unuiĝo"] kaj en suda Ŝlesvigio la amatora teatro "*Æ Amatøer*" ["La Amatoro"].

Krom tiuj ĉi tradiciaj lingvoj, en Ŝlesvigio-Holstinio troveblas la lingvoj de la enmigrintoj el diversaj landoj. La **turka** lingvo unuarangas pro la altaj nombroj de enmigrintoj kaj pro iliaj idoj naskitaj en Germanio. En 2009, el la 132 000 eksterlandanoj 32 000 estis turkoj loĝantaj precipe en la grandaj urboj *Kiel,* Lubeko kaj Flensburgo.

***DM / UJM***

Notoj:
1. Tiun artikolon ni ricevis antaŭ unu jaro. Intertempe ni sciis, ke la romaoj el Ŝlesivigio-Holŝtinio ricevis negativan respondon al sia postulo.
2 La platdiĉa "moin" estas kripla formo de "mojen Dag" ("belan tagon").



El Vikimedio.
**Dulingva ŝildo germana-frisa ĉe policejo en *Husum*.**

# KELKAJ VORTOJ PRI ETNOJ EN VJETNAMIO

Ĉisomere la 97-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Hanojo. Mankis kompetentulo por ke **IKEL** organizu fakprelegon aŭ ke ***Etnismo*** aperigu artikolon pri la etna situacio de Vjetnamio.

Mi tamen scivolemis pri la vjetnamiaj popoloj, despli ke, ŝajne nia revuo neniam ĝis nun traktis tiun temon.

Eĉ la esperantlingva artikolo pri Vjetnamio sur Vikipedio ne aludas aliajn etnojn ol la ĉefan, la vjetnaman, kiu konsistigas 86% de la loĝantoj. Kebeka retejo listigas 75 etnojn en Vjetnamio. Post la vjetnamoj la kmeroj estas la plej multaj kun 8 milionoj da membroj, sekvas la hanoj (mandarenparolantoj) kun preskaŭ 2 milionoj da membroj, kaj iu taja etno kun iom pli ol miliono kaj duono da membroj. Tutfine de la listo la 75-a popolo posedas nur 250 membrojn.

Plejmulto de la minoritataj popoloj situas nordokcidente, en montaro, lime kun Ĉinio kaj Laoso, aŭ en la altebenaĵoj de la Centro (*Annam*) kaj de la sudo (Koĉinĉino). La aŭtoro de la retejo, la lingvisto *Jacques Leclerc*, parolas pri tiu vjetnama etna situacio kiel pri unika gamo de lingvoj kaj popoloj en orienta Azio. La minoritataj popoloj de Vjetnamio konsistigas nur 15% el ĉiuj loĝantoj, sed ili reprezentas pli ol 80% en kelkaj nordokcidentaj provincoj kaj okupas ĉirkaŭ du trionojn de la tutlanda surfaco. Tiuj minoritatoj dominas en la nordaj montaroj kaj en la tuta okcidenta landlima regiono. Tuj kiam oni forlasas la grandajn ĉemarajn urbojn kaj la ebenaĵojn, oni renkontas tiujn minoritatojn. Ju pli norden oni iras, des malpli la vjetnama lingvo estas uzata, kaj oni renkontas ĉu kmerojn ĉu tajojn.


El Vikimedio, fotis: *Bernard Gagnon*.
**Virinoj el la mnonga etno.**

La aŭtoro de la retejo asertas, ke tiuj grandnombraj minoritataj popoloj malfermas al Vjetnamio grandan pordon al sudorienta Azio, ĉar ili favoras la kontaktojn kun la najbaraj landoj. Krom la vjetnamoj, kiuj loĝas nur en Vjetnamio, tiuj minoritatoj perfekte reprezentas ĉiujn etnajn grupojn de la aliaj orientaziaj landoj. Tio estas Ĉinio, norda Barato, Laoso, Kamboĝo, Tajlando kaj Birmo. La vjetnama registaro nun ekkonscias pri la graveco de tiuj enŝtataj popoloj kaj pri la kultura riĉeco, kiun ili alportas al Vjetnamio.

Mi esperas, ke tiuj tro supraĵaj linioj kopiitaj el retejo instigos al pli serioza artikolo pri tiu temo, ĉar laŭ tio kion mi malkovris, devas esti malfacile vere kompreni Vjetnamion sen koni ĝiajn popolojn kaj ties rajtojn kaj politikan organizon. ***NM***

El: http://www.tlfq.ulaval.ca/AXL/asie/vietnam.htm



**- INFORMILO 69**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

*Karaj legantoj,*

Dum tiu ĉi jaro reprezentantoj de **IKEL** partoprenis/os diversajn aranĝojn:

**Grundtvig-projekto pri "Edukado al Interkulturo"** (partneroj: Francio, Germanio, Katalunio, Svislando).

*A. Favre* kaj *N. Margot* partoprenis fine de majo kolokvon en La Kvinpetalo, *Douresse*, Francio, kaj *L.* kaj *O. Puig* fine de junio en Berlino.

**9-a EEU-Kongreso en Irlando (07.2012)**

*U. kaj UJK Moritz* reprezentos **IKEL** dum tiu kongreso.

**Grundtvig-seminario dum la Itala Kongreso (08.2012)**

*A. Favre* kaj *N. Margot* partoprenos tiun seminarion nome de **IKEL**.

**Letero de IKEL al la Tutmonda Asocio *Unicode***

Kiel anoncite en ***Etnismo*** 88 (artikolo de *Daniele Vitali* "Vojaĝo al la centro de Rusio. Lingvoj, popoloj kaj religioj laŭlonge de Volgo "), **IKEL** sendis leteron al la Tutmonda Asocio *Unicode* por peti ke ili elpaŝu favore al la minoritataj lingvoj de Rusio. Unikodo estas unuecigita karaktraro, taŭga por ĉiuj platformoj, kiu ebligas skribi per la komputilo en ĉiuj lingvoj de la mondo, plej grave en Interreto. En aprilo 2011 Internacia Konferenco pri la problemoj de skribado de minoritataj lingvoj per informadikaj rimedoj kunsidis en *Joŝkar-Ola*, ĉefurbo de Mareio, kaj apelaciis al la Rusia registaro por ke ĝi intervenu ĉe Unikodo favore al la enkonduko de la mankantaj literoj por lingvoj kiel la ĉuvaŝa, marea, ĥantia, vepsa ktp aŭ ties variaĵoj dialektaj kaj historiaj. La respondo de la registaro estis forte negativa, kun eĉ akuzoj pri ekstremismo al tiuj, kiuj volas uzi sian lingvon en Interreto (!). Do la mareoj turnis sin al la **IKEL**-delegacio vizitanta ilian ĉefurbon pasint-oktobre kaj la **IKEL**-prezidinto *Daniele Vitali*, konsultiĝinte kun mareaj aktivuloj kaj kun la nuna **IKEL**-estraro, sendis registritan leteron al Unikodo rilate nian temon la 22-an de majo 2012. ***Etnismo*** raportos pri eventuala sukceso de la iniciato. ***NM***

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago, normale 2 kajerojn de minimume 36 paĝoj. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

**ESTRARO:**

**PREZIDANTO:** **Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com; etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO:** **Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
48 postakutxa. 20400 Tolosa. Gipuzkoa. Eŭskio/EH
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO:** **Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024
Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat

**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:** **KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku "**ikel-y**" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en ***Etnismo***!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p.

**Venonta redaktolimdato:**

**30-an de septembro 2012**